# Informilo de Ĝemelaj Urboj



Reta bulteno de UEA pri la projekto Ĝemelaj Urboj
Kongresa numero 11-a jaro N-ro 3 (42) septembro 2012


**Kovrilfoto: Vjetnama vidindaĵo(Foto: Amri Wandel)**

NOVAĴO

## La projekto unuafoje aperis en la Movada Foiro

Ekde la 91-a UK okazinta en 2006 en Florenco en Italio, la tradicia programero Interkona Vespero havas novan stilon, nome la Movada Foiro. Ĝi celas prezenti panoramon de la Esperantaj movado kaj kulturo, en distra maniero. Ĉiuj asocioj kaj aliaj gravaj instancoj ricevos spacon ĉe tablo, kie ili rajtos prezenti siajn afiŝojn, informfoliojn, eldonaĵojn, fotojn de sia agado kaj simile.

Kun temo "Esperanto – ponto al paco, amikeco kaj disvolviĝo" la 97-a UK okazinta inter la 28-a de julio kaj la 4-a de aŭgusto 2012 en Hanojo en Vjetnamio, gastigis pli ol 800 partoprenintojn el 62 landoj. En la 28-a de julio, sabato, 19:00-21:00, la 7-a Movada Foiro okazis en la salono "Nguyen Van Kinh". Oni unuafoje vidis afiŝon pri ĝemelaj urboj sur tablo 30, kie samtempe montris kopiojn de n-ro 40 Informilo de Ĝemelaj Urboj, speciala numero por la 10-a jubileo de la projekto. S-ino Anna Löwenstein el Italio kaj s-ino Maritza Gutiérrez, estraranino de UEA kaj funkciulino de la projekto, kune deĵoris por ĝi servante al asocioj en kiuj ili laboras respektive. Ne mankas interesuloj, i.a. Informilo de Ĝemelaj Urboj fikse allogis atenton de iu kongresano, li esprimis ke li volis kunporti kopiojn. Pro urĝeco s-ino Anna kopiis nur du ekzemplerojn antaŭ ol iri al Vjetnamio. Tiu kongresano akiris unu ekzempleron, ĉar la alia bezonatis en la kunveno de Ĝemelaj Urboj. Kia ajn estas la rezulto, la projekto finfine havas sian unuafojon en la Movada Foiro, tio estas gratulinda.

Laŭ raportoj de Anna Löwenstein




Anna Löwenstein deĵoranta en la foiro



Maritza Gutiérrez deĵoranta en la foiro

## La 9-a Kunveno de Ĝemelaj Urboj

En la 31-a de julio, mardo, 12:00-12:45, ĉirkaŭ 30 kongresanoj partoprenis en la 9-a

Kunveno de Ĝemelaj Urboj okazinta en la salono “Matland”.



Maritza Gutiérrez, estraranino de UEA pri landa kaj regiona agado, prezidis la kunvenon. Oni parolis pri dekjariĝo de la projekto kaj agnoskis la bezonon subteni tiun iniciaton kiu jam ekas kun la subteno de UEA kaj la CO. Diversaj reprezentantoj raportis proprajn spertojn kaj oni resumis kelkajn ideojn pri la manieroj realigi la celon havi en retpaĝo kaj en Vikipedio aktualigitajn informojn pri la sukcesoj atingita, pri plano, kunlaboremo de landaj asocioj kaj inviduoj ktp. Estis peto transdiri al la subkomitato pri landa kaj regiona agado kelkajn rekomendojn kiuj estis notitaj kaj oni alvokis kontribuon de esperantistoj kiuj pretas labori en difinitaj taskoj en estonte kreota laborgrupo kunlabore al la komisiito kies laboro dekjara estis elstarigita.

S-ro Pieter Engwirda el Nederlando ofertis afablan helpon por okazo de la kunveno, kaj parolis pri sia malnova deziro enretigi la koncernan agadon. S-ro Renato Corsetti, eksaj prezidanto de UEA kaj funkciulo de la projekto, persone ĉeestis al la kunveno.

Laŭ raportoj de Maritza Gutiérrez

## Salutvortoj al Anna Löwenstein

Anna Löwenstein (Britio/Italio) famiĝas kiel redaktorino kaj verkistino. La romano “La ŝtona urbo” estas ŝia reprezentanta verko. La libreto “Konciza klarigo pri la landonomoj” estas ŝia plej nova verko. Ŝi redaktis kaj fondis la revuon “Sekso kaj egaleco”, kaj partoprenis en redaktado de la revuo “ Kontakto”, la libreto “Rusoj loĝas en Rusujo” ktp. kaj en traduko de la libro “Ksenofobia gvidlibro al la italoj”. Ŝi estas membro de la Akademio de Esperanto ekde 2001 kaj kiel ĉefmotoro organizas la Movadan Foiron de UK ekde 2006. Ŝi servas al Ateista Tutmonda Esperanto-Organizo(ATEO).

En mia memoro la unua kontakto inter ni estis en 2006. Tiam ŝi rete sendis al mi dokumenton. Ĝi ja estas sciigo pri la Movada Foiro (MF), kiu unuafoje okazos en la 91-a UK en Italio. Sed pro diversaj kialoj, precipe manko de papera eldonaĵo kaj mia neofta partopreno en UK la projekto Ĝemelaj Urboj neniam aperis en MF. Ĉi-jare s-ino Anna finfine realigis tion.

La projekto ne havas paperajn eldonaĵojn, ŝi mem elpresis la retan bultenon Informilo de Ĝemelaj Urboj kaj persone alportis ilin al la kongreso kaj al la foiro. Indas mencii ke ŝi speciale enmetis ilin en plastumitajn kovrilojn por ke ili aspektu kiel “vera” papera eldonaĵo; la projekto ne havas sufiĉe da tempo fari kaj sendi afiŝon, ŝi frue pripensis kaj preparis ĝin; la projekto ne havas deĵoranton, ŝi kaj s-ino Maritza Gutiérrez volonte deĵoris por ĝi. Ĝuste pro ege efika laborado de s-ino Anna, samideanino, kiun mi neniam vidis, la projekto unuafoje aperis en la Movada Foiro. El tio la historio de la projekto havas novan enhavon.

Kio estas subteno? Kio estas kompreno? Kio estas kuraĝigo? Agadoj de s-ino Anna Löwenstein donis la plej bonajn respondojn, mi pensas. Ĉi tie mi kiel komisiito de la projekto esprimas korajn dankojn kaj salutojn al ŝi. Mi kredas, ke la projekto disfloros en la estonteco,

ĉar ĝi havos pli kaj pli multajn samideanojn kiel s-ino Anna.

Wu Guojiang

**Aperis la albumo "Antaŭen kun Espero - pri la Ĉina Esperanto-Movado"**

Post pli ol duonjara penado de s-ro Hou Zhiping, specialisto pri la historio de la ĉina Esperanto-movado, finfine aperis la albumo "Antaŭen kun Espero -- pri la Ĉina Esperanto-Movado" (vidu la suban foton) okaze de la 125 jariĝo de Esperanto. Tra la albumo oni trovos ke la ĉinaj esperantistoj aktuale faris tri laŭdindajn aferojn en la pasintaj pli ol 100 jaroj. La unua estas ke sub gvido de Ĉina Komunista Partio ili per Esperanto faris klopodadon por liberigo de Ĉinio, granda reprosperigo de la Ĉina nacio, prosperiĝo kaj fortiĝo de Ĉinio, la dua estas ke ili per Esperanto kiel ponto prezentis la longan historion kaj brilan kulturon de Ĉinio al la mondo, kaj eksterlandajn eminentajn kulturojn kaj advantaĝajn sciencteknikojn al Ĉinio, kaj akcelis komunikadon inter koroj de popoloj kaj komprenon kaj amikecon inter ili; la tria estas ke ili persiste propagandis kaj disvastigis Esperanton, sciigis kaj lernigis Esperanton al la plimultaj homoj. Pro la projekto Ĝemelaj Urboj la komisiito honore estis enlistigita en ĝi (vidu la paĝon 153).




La prezidanto de Ĉina Esperanto-Ligo (ĈEL) s-ro Chen Haosu kaj la eksa prezidanto de UEA Renato Corsetti verkis recenzojn por la albumo. ĈEL speciale aranĝis lanĉan ceremonion por ĝi dum Ĉina Tago okazinta en la 30-a de julio. S-ro Guo Xiaoyong, la unua vicprezidanto de ĈEL, prezentis ĝin al pli ol 50 kongresanoj. S-ro Yu Tao, vic-prezidanto kaj ĝenerala sekretario de ĈEL, prezidis la ceremonion. Ili donacis la ekzemplerojn al la UEA-prezidanto Probal Dasgupta kaj la ĝenerala direktoro de la Asocio Osmo Buller. (De maldekstre en la ĉi-subaj fotoj: Hou Zhiping; Probal Dasgupta kaj Guo Xiaoyong; Osmo Buller, s-ro Yu Tao kaj Guo Xiaoyong; la komisiito)

fotoj el Hou Zhiping kaj la retejo http://esperanto.china.org.cn



**Niaj (eksaj) funkciuloj gajnis honorojn**

Dum la kongreso tri (eksaj) funkciuloj de la projekto gajnis honorojn. S-ro Hori Yasuo el Japanio fariĝas eminenta propagandisto kaj praktikanto de Esperanto, gvidanto de la




Esperanto-movado pro diligenteco, persistado kaj iniciatemo dum pli ol 50 jaroj de sia esperantisteco. Li aktivis kiel estrarano de UEA (2007-2010) kaj prezidanto de la Komisiono pri la Azia Esperanto-Movado (KAEM, 2001-2008). Ekde 2012 li refoje vicprezidas Japanan Esperanto-Intituton. Liaj agadoj estas multflankaj, i.a. abundas agadoj ligitaj al ĝemelurboj, ekz. li enkondukis la projekton en la laboron de KAEM, kvarfoje prezidis la kunvenon de Ĝemelaj Urboj, insistis pri uzo de Esperanto dum akcepto de la urbestro de Orvieto, la itala ĝemelurbo de lia loĝurbo Maebaŝi kaj tiel plu, kaj tiel plu. En la inaŭguro de la kongreso estis anoncita la decido de la Komitato de UEA, ke li estas elektita kiel unu el du novaj Honoraj Membroj de la Asocio.

Post la inaŭguro okazis la Tago de Vjetnamio. Tie prof. Probal Dasgupta, prezidanto de la Asocio, s-ro Hori Yasuo kaj aliaj ses esperantistoj ricevis la memormedalojn "Por paco kaj amikeco inter popoloj" de la Vjetnama Unio de Amikecaj Organizaĵoj. En septembro de 2010 s-ro Osmo Buller ankaŭ ĝuis la saman honoron.

S-ro Renato Corsetti, eksaj prezidanto de la Asocio kaj funkciulo de la projekto, en Ĉina Tago de la kongreso ricevis la ĉi-jaran Amikec-premion por Esperanto pro sia elstara kontribuo al disvolviĝo de la Ĉina Esperanto-movado. Ĉi tie la projekto kore gratulas ilin.

## URBESTRO KAJ ESPERANTO

### Salutmesaĝo de la Esperanto-urbestro



Karaj partoprenantoj de la 97-a UK!

La Esperanto-urbo Herzberg am Harz sendas salutojn al vi. Mi esperas, ke vi havos bonan veteron kaj bonajn tagojn dum la kongreso.

Kun ĝojo mi memoras la kongreson en Roterdamo kaj mi ankaŭ havas belajn memorojn pri la internacia Fervojista Kongreso en majo de la nuna jaro en mia urbo.

La sekva grava evento estos la 46-a Konferenco de la Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj post unu jaro, en 2013, en Herzberg – mi esperas, ke ni renkontos vin tie!

Mi dankas al ĉiuj personoj, kiuj per organizado de kaj partoprenado en tiaj aranĝoj subtenas nian Esperanto-agadon.

Sukcesan kongreson en Hanojo deziras

Walter GERHARD

Urbestro de Herzberg am Harz -- la Esperanto-urbo (Germanio)

El n-ro 5 *Loa* de la kongresa kuriero

## URBA STILO KAJ TRAJTO

### Jara raporto de la projekto Ĝemelaj Urboj en 2011

**1. Funkciuloj de la projekto**

S-ro Probal Dasgupta ĉiam opinias la laboron de la projekto grava kaj atentas pri ĝia disvolviĝo. Ricevinte la novan laborplanon de la projekto li ĝustatempe proponis, ke la

energia plenumo de tiu laborplano devu ligiĝi kun la 125-jariĝo de Esperanto en praktiko. Tio aldonis novan enhavon al la laboro de la projekto.

S-ino Maritza Gutiérrez speciale menciis la 8-a Kunvenon de Ĝemelaj Urboj en sia raporto pri la 96-a UK, resumis la laboron de la projekto en la Jara Estrara Raporto de UEA en 2010. Ŝi tenas komunikadon kaj interkonsiliĝon kun la komisiito je proponoj aŭ problemoj levitaj de esperantistoj, kaj faris aktivajn respondojn kaj gvidojn, ekz. pri establo de laborgrupo ŝi proponis ke ĝi havu skizan proponon pri ĉefaj taskoj kaj raportu al la estraro.

La ĉiutagaj aferoj traktataj estas multaj por s-ro Osmo Buller, ĝenerala direktoro de la CO, sed li elpremas tempon prizorgi la laboron de la projekto kun granda pacienco kaj seriozeco, i.a. je la problemo pri enretigo de la projekto li kelkfoje faris respondojn en nesamaj lokoj, kaj konstrue proponis starigi prian paĝon en la retejo Fejsbuko kaj ligon kun ĝi konsiderinte ke tio havas nefacilecon en la retejo de UEA en mallonga tempo.

S-ro Hori Yasuo, eksa funkciulo, prezidis la la 8-a Kunvenon de Ĝemelaj Urboj kaj sendis prian raporton. En tiu kunveno estis signifa propono, ke ni havu pli multajn respondeculojn pri tiu fako, almenaŭ unu por unu kontinento, kaj komuna konscio, ke la movado de Ĝemelaj Urbo estas grava por Esperanto kaj por la monda amikiĝo, do ni klopodu plu por la prosperigo de tiu projekto.

La komisiito plenumis redaktadon kaj dissendadon de kvar numeroj de IĜU kaj faris respondojn al diversaj priaj mesaĝoj.

S-ro Robert Bogenschneider plenumis provlegadon de IĜU, kaj partoprenis en la 8-a Kunveno de Ĝemelaj Urboj kaj sendis koncernajn raporton kaj fotojn. Oni daŭre vidas lian alian kontribuon: IĜU estas elŝultebla ĉe la retejoj: http://www.gazetejo.org kaj http://gxemelurboj.wikispaces.com

**2. Reagoj al la projekto**

En 2011 la komisiiton atingis 138 reagoj el 37 landoj, kiu ĉefe koncernas interŝanĝon de esperantistoj inter ĝemelaj urboj, establon de respondeculoj en landaj asocoj, ĝemelurban kunlaboron, ekspozicion de ĝemelaj urboj, starigon de la projekto-retejo ktp. Krome s-ro HAZAMA Hirotomi el Esperanto-Populariga Asocio de Japanio sendis la priajn fotojn kiujn la komisiito bezonas, s-ro Roy McCoy el la CO de UEA aldonis la enhavon pri la projekto en Jarlibro 2012 laŭ la volo de la komisiito.

Estis ricevitaj la paperaj eldonaĵoj, Ĉinio: Bulteno de Tianjin Esperanto-Asocio, Mikrofone (Esperanto-redakcio de ĈRI) kaj Formoza Folio en Tajvano; Japanio: Nova Vojo; KAEM: Esperanto en Azio; Pollando: Bydgoszcz Esperanto-kontaktoj en la mondo, kaj la retaj, Brazilo: Spiritisma Esperanto-Informilo Boletim, BEL informas, Informilo de Kultura Kooperativo, Komunikoj, SEK-Bulteno, Soteropolitano; Ĉinio: Penseo, Verda Pekino; Francio: Informletero de Vinilkosmo; Germanio: Verda Informilo; Hungario: Nordhungaria Informo; Kongo: Konsciu, KomACE; Koreio: La Solidareco; Kubo: HAVANO; UEA: Gazetaraj Komunikoj.

**3. Atingoj**

**Pliiĝis la movadaj gravuloj kiuj subtenas la projekton**. S-ro Hou Zhiping, konata en

Ĉinio kiel specialisto pri la ĉina Esperanto-movado, ne nur sendis salutvortojn al la projekto okaze de la Nova jaro por 2012 kaj prezentis la projekton en la kunveno de la konstantaj komitatanoj de Ĉina Esperanto-Ligo (ĈEL) antaŭ la 9-a Ĉina Kongreso de Esperanto, sed konsideris agadon de ĝemalaj urboj en du grandaj Esperanto-literaturaĵoj, kiujn li ĉefkompilas, t.e. la biografio-libro "Esperantistoj en Ĉinio" kaj la albumo "Antaŭen kun espero – pri la Ĉina Esperanto-Movado", i.a. la komisiito estis elektita en la albumo pro la projekto. S-ro Humphrey Tokin kelkfoje helpe serĉis eblajn fadenojn kontakti s-ron George Soros, kiu subtenas kaj financas agadon de ĝemelaj urboj. S-ino Tan Xiuzhu, eksa prezidanto de ĈEL, donis altan takson pri la projekto.

**La lokaj Esperanto-organizaĵoj havis konkretajn agadojn praktiki la projekton**. Inspirite de la projekto Liaoning-provinca Esperanto-Asocio de Ĉinio sukcese konstruis ponton por kontaktiĝo inter la du urboj Pocheon (Koreio) kaj Chaoyang (Ĉinio), kaj realigis la viziton de vic-urbestro de Pocheon al Chaoyang por eventuala ĝemeliĝo. Sveda Esperanto-Federacio konsideris kunlaboron de ĝemelaj urboj, aktive serĉis esperantistojn kaj decidis inviti ilin al la Sveda Kongreso de Esperanto okazonta en 2012. Speciale indas mencii, ke en la federacio ekzistas komisiito pri aferoj de ĝemelaj urboj. Esperanto-Societo en Takatsuki (Japanio) partoprenis en la Jara Nacia Kultura Festotago de la urbo per Esperanto-ekspozicio kies ĉeftemo estas interŝanĝo inter esperantistoj de la urbo kaj siaj ĝemelaj urboj. Tiu temo estas tiel alloga, ke la nova urbestro kaj la parlamentanino staris nemallonge kaj spektis ĝin. Ekde 2011 Mongola Esperanto-Societo prenas la projekton kiel unu el la laboroj.

**Interŝanĝoj inter esperantistoj de ĝemelaj urboj estis alte taksataj**. Okaze de la dudekjariĝo de la ĝemela rilato inter Breŝo (Italio) kaj Darmstadt, esperantistoj ne nur estis invititaj al la regalceremonio, sed la urbestroj de ambaŭ urboj kune donacis al la prezidanto de Breŝa Esperanto-Grupo ŝildon memore al la ĝemeliĝo. Prezidanto de Tianjin-a Esperanto-Asocio de Ĉinio substrekis la rolon de Esperanto en ĝemelaj urboj kiam li akceptis intervjuon de El Popola Ĉinio. Certe ne mankas renkontiĝo inter esperantistoj de ĝemelaj urboj kiel la tradicia renkontiĝo de la Ĉielira Semajnfino inter ĝemelurbaj esperanto-grupoj de Darmstadt(Germanio) kaj Frankfurto(Germanio), Breŝo(Italio), Troyes (Francio), Alkmaar (Nederlando) kaj Tata (Hungario), renkontiĝo inter esperantistoj de Nancy (Francio) kaj Lublin (Pollando).

## Konsideroj al laborplano por 2013

(a) iniciateme kaj aktive kontakti neesperantistajn organizaĵoj kun la samaj celoj por eventuala interŝanĝo kaj kunlaboro.

(b) prepari paperan eldonaĵon de la projekto.

(c) pene okazigi ekspozicion de ĝemelaj urboj

(ĉ) daŭre serĉi kaj kolekti historiajn materialojn pri Esperanto kaj agado de ĝemelaj urboj.

## La Letero de la komisiito al la urbestro de Hanojo

2012-6-11

Estimata sinjoro urbestro de Hanoi,

Unue mi kore salutas vin en nomo de la komisiito de UEA pri la projekto Ĝemelaj Urboj pro la 97-a UK okazonta en la venonta monato.

Hanojo estas ne nur antikva urbo kun historio de pli ol 1000 jaroj, sed ankaŭ unu el la plej viglaj urboj en la Esperanto-movado. Tie estas landa Esperanto-Asocio kaj la urba Esperanto-klubo kaj estis funkciigitaj multaj Esperanto-kursoj. Ĝi estas alte taksita kaj subtenita de ĉiuj socitavoloj depost eniro de Esperanto en Vjetnamio en 1929, ekz. Prezidanto Ho Chi Minh, s-ro Nguyen Van Kinh, membro de la Centra Komitato de la Vjetnama Laborula Partio (nuna Komunista Partio), profesoro Hoang Minh Giam, ministro de Kulturo, Ho Truc, vicministro de Edukado ktp. Okazo de la 97-a UK ankaŭ rezultas el forta subteno de vi kaj la urba registaro gvidata de vi. Vi faras gravan kontribuon al la Esperanto-movado. Mi esprimas omaĝon al vi.

Hanojo estas ne nur politika, ekonomia kaj kultura urbo, sed internacia urbo. Ĝi tenas bonan rilaton kaj interŝanĝon kun multaj landoj, i.a. ĝi havas ĝemelan rilaton kun Pekino kaj Hongkong en Ĉinio, Manila en Filipinoj, Toulouse en Francio, Jakarta en Indonezio, Isfahan en Irano, Fukuoka-gubernio en Japanio, Phnom Penh en Kamboĝo, Seoul en Korea Respubliko, Varsovio en Pollando, Moskvo en Rusio, Bankoko en Tajlando kaj Ankaro en Turkio. Esperanto jam ludas aktivan kaj efikan rolon en agado de ĝemelaj urboj. UEA alte taksas tiun ĉi laboron. Ekde 2004 okazas Kunveno de Ĝemelaj Urboj kiel unu el la programeroj de la kongreso. Aparte indas mencii, ke Vjetnama Esperanto-Asocio havas respondeculon pri ĝemelurboj. Certas ke esperantistoj el tiuj ĝemelurboj de Hanojo partoprenos en la kongreso kaj ĉeestos al la kunveno. Tio aldonos novan signifon al la kongreso, se vi povas informi la urbestrojn de tiuj urboj pri okazo de la kongreso kaj aparte inviti ilin al la kongreso, kaj aktive konsideri esperantistojn el tiuj urboj en “Akcepto de Urbestro” dum la kongreso. La kongresanoj estas grandege kuraĝigotaj de via decido. Samtempe mi tre esperas, ke vi povas persone ĉeesti aŭ sendi vian reprezentanton al Kunveno de Ĝemelaj Urboj se eble

Mi kore deziras al la kongreso sukceson, kaj al vi sanon kaj feliĉon, al Hanojo prosperon kaj progreson.

(**Atentu: la letero estis rete sendita al s-ro Nguyen Xuan Thu, komitatano de Vjetnama Esperanto-Asocio kaj respondeculo pri Ĝemelaj Urboj, sed pro okupiteco aŭ aliaj kialoj respondo el li ne estas ricevita. Krome ankaŭ ne okazis “Akcepto de Urbestro**”)

## Funkciuloj de la projekto

S-ro Probal DASGUPTA , prezidanto de UEA
S-ino Maritza GUTIÉRREZ GONZÁLEZ, estraranino de UEA pri landa kaj regiona agado
S-ro Osmo BULLER, ĝenerala direktoro de UEA
S-ro WU Guojiang, komisiito de la projekto

## Redakcio de Informilo de Ĝemelaj Urboj

Redaktoro: s-ro Wu Guojiang, Fushun Shiyouyichang Yanjiusuo, CN-113008, Fushun Liaoning Ĉinio; Telefono kaj Fakso:+86-024-52650322; Retadresoj: ghemelurboj@yahoo.com.cn amikeco999@21cn.com
Provlego: s-ro Robert BOGENSCHNEIDER, retadreso: robog@gmx.de